# POLA ESPERANTISTO

MONATA GAZETO DE POLAJ ESPERANTISTOJ.

JARO XVII WARSZAWA — NOVEMBRO 1922 J. № 2 (88)

La 31-an de oktobro 1922 mortis post longa malsano

s. † m.

BRONISŁAW DZIRYT

## SZCZEPANKIEWICZ,

**HONORA MEMBRO KAJ ESTINTA**

**PREZIDANTO DE POLA ESPERANTISTA SOCIETO.**

Okdekkelkjara maljunulo, li ĝis lasta momento de sia vivo estis unu el la plej fervoraj batalantoj de nia ideo. Fondinto kaj longjara Prezidanto de la societo „Lumo“ en Kalisz, post detruo de la parto de tiu urbo dum la mondmilito li transloĝiĝis Varsovion, kie li tuj malfermas al si ĉiujn korojn per sia entuziasma agemo. En 1920 li estas elektita Prezidanto de Pola Esperantista Societo, kiu unu jaron poste unuanime rekompencas liajn altajn meritojn, nomante lin sia Honora Membro. Nun la morto forrabas lin el niaj vicoj.

Al senlaca Pioniro, saĝa kaj fervora Gvidanto, kara bona Amiko—pacon eternan!

*La Redakcio.*

POLLANDA FAKO.

# ADAM MICKIEWICZ.

## Nacia, pola bardo.

La verkoj kaj la agoj de grandaj homoj konatiĝas nin kun la vivo kaj kun la valoro de nacio. Geniuloj, kreantaj la verkojn de arto, posedas forton, kiu permesas al ili vidi post kaj antaŭ si plejmalproksimen, ili posedas la eblon de revivigado kaj profetado, du potencajn flugilojn, sur kiuj spirito homa sukcesis ĝis nun plej alten leviĝi.

„Iliado“ de Homero, „Dia Komedio“ de Dante, profetaj libroj de Izraelo kaj aliaj verkoj, jen estas la iloj per kiuj homa spirito altiĝis super la tero. Kantoj de nacia bardo estas voĉo de tuta nacio, ĉar li de tiu nacio devenas, enkorpigis ĝin en si, kaj fariĝis ĝia esprimo.

En tiu senco la nacia bardo povas diri: „mia nomo milijono“ kaj tiuj vortoj estos en lia buŝo simpla esprimo de vero kaj efektivo. Reale, nacia bardo estas kvazaŭ elstreĉo de ĉiuj spiritaj fortoj de la nacio, li estas de tiu nacio kredo kaj tradicio, ago kaj espero. Kapablo esprimi la sentojn de amaso estas lia ĉefa kaj unua atributo; per ĝi li ĉirkaŭprenas spirite tiel grandajn spacojn de la vivo ke li fariĝas kvazaŭ samtempano de multaj generacioj.

Adam Mickiewicz estas por ni, poloj, tiu nacia bardo, kiu per sia potenca spirito estis respegulanta la vivon de tuta nacio. Li naskiĝis en jaro 1798, tri jarojn post la lasta dispartigo de Pollando inter tri najbarajn regnojn. Kiam la antaŭa pola respubliko disfalis kaj kiam super tuta nacio pendis minaco de pereo, venis Adam Mickiewicz, kies ideologio estis busolo, kondukanta polan nacion tra la maro de mallibero al pli hela bordo. Poste, en jaro 1831, kiam sur la batalkampoj de nacia ribelo kontraŭ eksteraj persekutoj, falis jam la lastaj standardoj, kiam realaj politikaj dogmoj montriĝis seniorteblaj, kiam malaperis niaj bibliotekoj, superaj lernejoj kaj ĝenerale ĉiuj centroj de nun empa kulturo, kaj kiam sole la kanto sukcesis sin savi, Adam Mickiewicz enfermis en la ĉefverkon*) de poezio la spiritan vivon de tuta nacio, ĝiajn kutimojn kaj kredon, revojn kaj esperojn.

---

*) „Sinjoro Tadeo“ majstre tradukita de Antoni Grabowski, kiu en sia antaŭparolo al tiu traduko donis lavastan biografion de Adam Mickiewicz.

Li havas por pola nacio antaŭ ĉio signifon moralan. Li zorgis pri ĝia animo, ne permesis, ke en la spiroj de mallibero ĝi fariĝu malriĉa kaj malkuraĝa. Li estis konscio de la nacio, protesto kontraŭ malespero, kiu ekregis jam plimalforta n spirite; li rompis la hezitojn, subtenis la kredon pri liberiĝo, montradis la vojojn kaj la rimedojn por estonto. Ne el simpl vivo kaj ne el revoj de fermita en si fantaziulo, sed el la leviĝo super la vivon, super la fantaziojn, el la severa kontraŭstaro al homa malgrandanimeco, naskiĝis liaj verkoj. Li fariĝis fajrujo, kiu lumigis estintecon kaj ĵetis lumstrion en la malbelan estonton. Tiu lumstrio iras konstante antaŭen, montras la vojon inter arĝantaj danĝeroj p l tikaj, aŭ sociaj.

En la verkoj de Adam Mickiewicz flamas por ni potenca morala forto, kiu influas ĉiujn, vivantajn en palaco, aŭ sub pajla tegmento. Kiel ĉiuj romantikuloj, li direktis sin tien, kie konduk s lin la sento kaj tiel li agis ĝis fino de la vivo, batalanta kontraŭ kruela realeco kun vere kristana memforgeso, malgraŭ, ke ĉ o derekt ĝis kontraŭ li.

La valoron de Pollando por homaro neniu tiel komprenis kaj sciis tiel perfekte klarigi kiel Adam Mickiewicz.

En la nuna epoko, en l tempo de reveno de Pollando al la sendependa ŝtata v vo, ni des pli forte kredas dank' al Adam Mickiewicz, ke post jaroj de interbataloj de instinktoj kaj de naciaj kaj so iaj envioj, montriĝos el la politika ĥaoso plibela estonto

*St. Karolczyk.*

## LITERATURA FAKO.

ADAM MICKIEWICZ.

# El la Libroj de Pola Pilgrimeco*).

(*Fragmentoj*).

La animo de pola na io estas pola pilgrimaro.

Kaj ĉiu Pollo en pilg imeco ne nomas sin vagulo, ĉar vagulo estas homo vaganta sencele.

---

*) La Libroj de Pola Pilgrimeco estis skribitaj en jaro 1832 post lasta nacia ribel kiam la granda parto de nacio devigita estis forlasi la patrujon. En tiuj libroj A Mickiewicz montras al la popolo la vojon de inter a renaskiĝo, kaj apogas sin sur Kredo pri reviviĝo de Pollando post ĝia martireco, en la estonta homaro renaskita, fratigita kaj repacigita kun Dio.

Nek ekzilito, ĉar ekzilito estas la homo, ekzilita de ofica verdikto, kaj Polon ne ekzilis oficejo lia.

Polo en la pilgrimeco ne havas ankoraŭ nomon sian, sed ĝi poste estos al li donita, kiel ankaŭ al la postirantoj de l'Kristo ilia nomo poste donita estis.

Kaj ĉiutempe la Polo nomas sin pilgrimo, ĉar li ĵurpromesis migri al tero sankta, patrujo libera; li ĵurpromesis migri, ĝis kiam li ĝin trovos.

Sed la nacio pola ne estas diajo, kiel la Kristo, migrante en abismo, ĝi povas devojiĝi, kaj prokrastita estus la reveno ĝia al la korpo kaj al renaskiĝo.

Ni do legu la Evangelion de l'Kristo.

Kaj legu ni ĉi tiujn instruojn kaj — rakontojn, kiujn kolektis kristano-pilgrimo laŭ vortoj kaj skriboj de kristanoj Poloj, martiruloj kaj pilgrimoj.

## I.

Naĝis sur la maro grandaj militŝipoj kaj unu malgranda boato fiŝista. Kaj estis ventega, aŭtuna vetero: dum tia tempo ju pli granda estas ŝipo, des pli ĝi sendanĝera estas, kaj ju pli malgranda, des pli danĝera ĝi estas.

Diris do homoj sur la bordo: benataj estas la maristoj sur grandaj ŝipoj! Ve al maristoj sur fiŝista boato dum aŭtuna vetero.

Sed ne vidis la homoj surbordaj, ke sur la grandaj ŝipoj la ŝipanoj ebriiĝis kaj ribelis, ke ili rompigis instrumentojn, per kiuj direktilisto observas la stelojn, ke ili difektigis kompason maristan. Kaj la ŝipoj ŝajnis ja havi aspekton saman kiel antaŭe, potencan.

Sed ne povante vidi la stelon sur ĉielo kaj ne posedante kompason, la grandaj ŝipoj devojiĝis kaj pereis.

Kaj la boato fiŝista, rigardante sur ĉielon kaj sur la kompason, ne devojiĝis kaj proksimiĝis al la bordo; kaj kvankam ĝi rompiĝis apud bordo, la homoj savis sin kaj savis siajn instrumentojn kaj kompason sian. Kaj la ŝipon ili rekonstruos denove.

Kaj okazis, ke la forto kaj grandeco de ŝipoj bonaj estas, sed sen stelo kaj kompaso ili estas nenio.

Kaj la stelo de la pilgrimaro estas kredo ĉiela, kaj kompaso estas la amo al patrujo.

La stelo lumas por ĉiuj, kaj la kompaso direktiĝas ĉiam norden. Kaj jen kun tiu ĉi kompaso oni povas ŝipveturadi sur Oriento kaj sur Okcidento, sed sen ĝi eĉ sur la norda maro povas okazi erarigo kaj ŝipdetruo.

Do kun la kredo kaj kun la amo elnaĝos la ŝipo de pilgrimaro pola, sed sen la kredo kaj sen la amo nacioj militaj kaj potencaj, devolĝos kaj disfalos. Kaj kiu el ili sin savos, ne rekonstruos la ŝipon.

II.

Kial do donita estas al nacio via la posedaĵo de la estonta libereco de mondo?

Vi scias ke homo, kiu havas kelkajn parencojn ne testamentas sian posedaĵon al tiu, kiu estas la plej forta, nek al tiu, kiu estas la plej lerta, nek al tiu, kiu plej bonguste manĝas kaj plej bone trinkas.

Sed al tiu, kiu lin plej forte amas kaj loĝas kun li, dum aliaj postkuras la bonan manĝotablon, profiton kaj distrecon.

Kaj jen tial al nacio via testamentita estas la posedaĵo de libereco.

Kial donita estas al nacio via la forto de renaskiĝo?

Ne pro tio, ke via Respubliko estis potenca, ĉar la Romanoj pli potencaj estis, kaj mortis, kaj ne renaskiĝas.

Ne pro tio, ke via respubliko estis antikva kaj glora, ĉar Venezzia kaj Genova pli antikvaj kaj pli gloraj estis tamen mortis kaj ne renaskiĝas.

Ne pro tio, ke nacio via estis instruklera, ĉar Grekio, patrino de filozofoj, mortis kaj kuŝis en la tombo, ĝis kiam ĝi forgesis pri ĉiuj instruoj, sed kiam ĝi simplanimulo fariĝis, jen ekmoviĝis.

Kaj kleraj estis la reĝolandoj: vestfala, itala kaj holanda, kiuj, kiel vi vidis, aperiĝis kaj mortis, sed ne renaskiĝas.

Kaj vi estos vekitaj el la tombo, ĉar vi kredemaj, amplenaj kaj esperemaj estas.

Vi scias, ke la unua mortinto, kiun la Kristo el la tombo vekis estis Lazaro.

Kaj diras la Sankta Skribo, ke Kristo amis lin kaj ke li estis la sola homo, ĉe kiu Kristo ploris. Kiu do nun estas la Lazaro inter la nacioj?

III.

Pilgrimo pola! Vi estis riĉa, kaj jen vi suferas malriĉecon kaj mizeron, por ke vi konsciu, kio la malriĉeco kaj la mizero estas kaj ke vi diru, hejmen reveninte: „Malriĉaj kaj mizeruloj kunposedantoj miaj estas“.

Pilgrimo! Vi eldonadis leĝojn kaj havis rajton al la krono, kaj jen en la fremda lando vi de leĝa protekto senigita estas, por ke vi konsciu la senleĝecon, kaj ke vi diru, hejmen reveninte: „Alilanduloj kune kun mi la leĝodonantoj estas".

Pilgrimo! Vi estis klera, kaj jen la instruoj, kiujn vi ŝatis farigis por vi senutilaj, kaj tiuj, kiujn vi malŝatis, vi ŝatas nun, por ke vi konsciu, kio la instruo de tiu ĉi mondo estas, kaj por ke vi diru hejmen revenInte: „La simpluloj kurlernantoj miaj estas".

*Esperantigis*
*A. S. Stankiewicz.*

## Esperantisto.

*Ho, vi, revulo, vi pilgrimanto,*
*Por kiu sonas espera kanto,*
*Vin kio ligas kun tuta tero,*
*Pri kia kantas vi la espero?*

*Esperantisto estas mondano*
*Sur tiu vasta hom'—oceano,*
*De granda tiu ĉi nia tero*
*Nedisigebla li estas ero.*

*Ho, vi, revanta pri feliĉujo*
*Kie troviĝas via patrujo,*
*Kie atendas hejma Kabano*
*Sur tiu vasta hom'—oceano?*

*Ĉi-tie estas patrujo mia*
*Inter proksima rond'-familia,*
*Sed kie sonas la veksignalo*
*Frataro vivas en idealo.*

Do kia estas ĉi-idealo
De revoj viaj pura kristalo,
Do kia kredo de via koro,
Do kia celo de tut'-laboro?

Frateca amo sen ombr'-envia —
La idealo jen estas mia,
La feliĉeco sur tuta tero —
Jen mia kredo kaj la espero.

# KREDO.

Mil sunojn mi jam vidis en krepuska horo,
Mil sentojn dronigantajn en la malespero,
Mil pekojn batalantajn kontraŭ luma Vero,
Mil korojn turmentatajn per ega doloro.

Sed ĉiam post krepuskoj sekvis la aŭroro
Kaj sentoj reviviĝis el tomb' de sufero,
Kaj triumfis nobleco super la malvero.
El koroj turmentitaj ĝermis blanka floro.

Kaj tial min ne trompas sunsubir' momento,
Nek min premas malfortoj de la propra sento,
Nek stulteco de homoj, nek indiferento...

Super nuboj pasantaj vidas mi Anĝelon,
Post nebuloj malhelaj serenan ĉielon.
Kaj en kor' — antaŭsente — sanktan mian celon.

El la manuskripto „Sur monda areno"
de Stanisław Braun.

# Du Organizoj.

Nia movado marŝas energie al la fina venko. Ni jus ricevis la raporton de la Ĝenerala Sekretario de la Ligo de Nacioj, kiu estas frapanta pruvo, ke tiu plej alta morala aŭtoritato de la mondo tre serioze kaj tre funde studas nian aferon.

Jen la fakto, pri kiu ni devas multe ĝoji. Ĉar ĉio, kio estas kontraŭ Esperanto, apogiĝas sur superstiĉo kaj nescio, ni devas kun granda kontento konstati, kiam oni aplikas al nia afero la mezurojn de vera scienco kaj kompetento. La rezulto ne povas esti duba: ĉiuj nejustaj kulpigoj falos, kaj la Lingvo Internacia eniros triumfe kaj honore la arenon de homa civilizo. Tio eble ne okazos morgaŭ. Sed la bona komenco certe elĝermigos iam la maturan frukton!

Ankaŭ en alia sfero, sur la kampo de interna organizo de esperantaj fortoj vidiĝas granda praktika progreso. Nia kara spirita patrolando Esperantujo eliras vire el la ĝisnuna iom ankoraŭ ĥaosa stato de naskiĝado, celas al koncentriĝo kaj organiziĝo, akiras sian oficialan gvidantaron, kiu anstataŭos de nun tiun grandan personan aŭtoritaton, kiun ni perdis kun la lasta spiro de nia genia Majstro.

La tendenco al organizo ne limiĝas al niaj ĉefaj institucioj. Ĝi ŝajnas fenomeno ĝenerala, reganta nun la esperantan movadon.

Nia lando donis dum la kuranta jaro la ekzemplon, ke bona volo forigas ĉiujn malhelpojn al unuiĝo. Ne nur, malgraŭ diversaj malnovaj malkomprenoj, ĝi sciis organizi belan, bone ĉeestitan (ĉk. 300 partoprenintoj) Unuan Pollandan Kongreson, sed dum la Kongreso kun mirinda unuanimeco pridiskuti kaj akcepti statuton de Federacio de Esperantistaj Societoj en Pollando (F. E. S. P.) kaj elekti senprokraste la estraron de tiu grava organizo.

Por polaj esperantistoj (eble ankaŭ por eksterlandanoj) estus certe interesa paralelo inter ambaŭ projektoj de vastaj esperantistaj institucioj, kiuj preskaŭ en la sama tempo komencas sian vivon — la Oficiala Esperantista Organizo kaj la Federacio de Esperantistaj Societoj en

Pollando. Mi volas doni hodiaŭ koncizan provon de ĝi, esperante instigi tiamaniere aliajn al pli vastaj studoj en tiu senco. La ambaŭ organizoj prezentas kelkajn ecojn komunajn, kiuj permesas kompari iliajn instituciojn kaj prijuĝi la diferencojn, des pli interesajn, ke la plej proksima tempo decidos, kio en la praktiko montriĝos pli bona kaj pli efika.

La O. E. O. celas la kunigon de *societoj* kaj de *individuoj*. La individuoj havas en ĝi sian pli specialan instiucion — la Universalan Esperanto — Asocion, en F. E. S. P. ili estas reprezentantoj *nur pere de societoj*, al kiuj ili apartenas. La kreintoj de la pola federacio opiniis neutila la senperan akceptadon de membroj, dezirante, ke ĉiu pola esperantisto apartenu al unu de jam ekzistantaj societoj, laŭpove, nature, ankaŭ al U. E. A.

La societoj — membroj de F. E. S. P. estas en ĝi reprezentataj per Konsilantaro de Delegitoj, elektitaj laŭ nombro de societaj membroj: jen, preskaŭ, la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj" en O. E. O., kun unu teknika diferenco. En la Konstanta Reprezentantaro *ĉiu* nacia societo havas *nur unu* reprezentanton *kun malsama nombro da voĉoj*, en pola konsilantaro de Delegitoj al *ĉiu voĉo* de la societo respondas *malsama persono*. La pola sistemo ŝajnas al mi pli praktika, precipe dum voĉdonado *en kunveno*; estas tiam malfacile kaj neagrable kontroli kaj ĉiufoje prikalkuli la nombron da voĉoj, disponeblaj de ĉiu delegito. Tiu sistemo, aplikita dum la I Pollanda Kongreso, estis kaŭzo, ke la plirajtigitaj delegitoj *rezignis* pri siaj pliaj voĉoj. Ĉe *skriba* voĉdono la malhelpo, nature, malgrandiĝas.

La ĉefa *plenumanta* organo de O. E. O. estas Centra Esperanto — Komitato („C. K."), elektata laŭ interkonsento de Konstanta Reprezentantaro kaj Universala Esperanto— Asocio. En F. E. S. P. respondas al ĝi la Estraro de la Federacio, kies 6 membroj estas proponataj al la Konsilantaro de Delegitoj per tri nun ekzistantaj varsoviaj societoj *). Se la societoj ne interkonsentos pri la prezentaj personoj, ili devas aparte prezenti la trioblan nombron da kandidatoj. Kiel ni vidas, en ambaŭ okazoj la bazo estas *interkonsento de elektantaj institucioj*. La pola statuto antaŭvidas la okazon de malsukceso, kion ne fa·

*) Aliajn ses proponas la provincaj delegitoj.

ras la universala, ne havante, cetere, la korpon, kiu povus decidi en dua instanco.

Ambaŭ organizoj *evitas politikajn kaj religiajn aferojn.* La Centra Komitato okupiĝas pri arangado de oficialaj teknikaj konferencoj „krom politikaj kaj religiaj". F. E. S. P. deklaras ke ĝi estas „politike kaj religie neŭtrala", ĝi iras eĉ pli malproksimen en la tendenco forigi ĉiun ĝermon de interna malpaco: ĝi antaŭsciigas la apartenantajn societojn, ke ĝi „ne enmiksiĝos en la malkomprenojn, kiuj povus eventuale inter ili naskiĝi." Jen, mi pensas, la pacemo *par excellence!*

Eĉ ion parencan al delegitoj de U. E. A. mi trovas en la pola federacio. Tiuj reprezentantoj de centra organizo estos ĉi tie kolektivaj kaj portos la nomon de Lokaj Komitatoj de la Federacio. Ilia tasko estos perado inter la federacio kaj ĝiaj lokaj membroj.

La principa ideo de ambaŭ pridiskutataj organizoj estas *koncentrigo por pli efika agado.* O. E. O., celas kunigi ĉiujn fortojn esperantajn de la tuta mondo en unu korpon rezistan kaj moveblan; F. E. S. P. havas la saman celon en la kadroj de pollanda esperantismo. Mi volus ĉi tie turni la atenton de gvidantoj de ambaŭ organizoj al la praktika fenomeno, kiu jam ekzameniĝis laŭ nia esperantista sperto.

Ni posedis ĝis nun du apartajn instituciojn tre gravajn kaj ĉirkaŭprenantajn tutan nian movadon: unu estis la Centra Oficejo en Parizo, la dua — Universala Esperanto—Asocio. La unua havis certe pli grandan moralan aŭtoritaton, en la vivo ĝi tamen komencis iom post iom cedi al la solida konstruaĵo de la dua. Kia estis la kaŭzo? — U. E. A. estis korpo palpebla al ĉiuj kaj profitebla de ĉiuj. Dank'al la organo de lokaj delegitoj, dank'al multnombraj servoj kaj bonega gazeto, aparteno al ĝi fariĝis kvazaŭ necesa por ĉiu pli vigla esperantisto. Male, la interrilatoj de la Centra Oficejo kun naciaj societoj estis multe malpli oftaj, individuaj esperantistoj ne ĉiam komprenis la signifon kaj la taskon de la institucio.

Jen do la direktivo por O. E. O., same kiel por F. E. S. P.: ili memoru ke, koncentrigante la membrojn, individuajn aŭ kolektivajn, por la ekstera agado, por la propagando, ili samtempe devas *montriĝi utilaj al la membroj mem*, helpi ilin en ilia malpli vasta sfero, subteni iliajn laborojn kaj projektojn. Tiam inter la gvidantoj kaj gvidatoj ekforĝiĝos tiu varma kora ligilo, tiel eminenta en la rilato de U. E. A. kaj ĝiaj membroj.

La novaj organizajoj praktike estas antaŭ ĉio nova financa ŝarĝo por esperantisto. Se oni deziras, ke li pagu volonte kaj regule, oni devas montri al li, krom la alta celo atingota, ankaŭ ĉiutagajn faciligojn. Li ricevu konsilojn, indikojn, propagandan materialon, kaj — antaŭ ĉio - li sciu, ke li povas tion ricevi. *Servoj kaj informado pri ebleco de servoj* estas necesa ekscito por membro de centra organizo, ĉu li estos persono, au societo.

Mi finas. Al la ambaŭ naskiĝantaj grandaj organizoj ni devas elkore deziri la sukceson. Ili laboru kaj disvastiĝu por la bono de nia kara ideo!

*Jan Kostecki.*

# Arkivigu la estintecon!

Komenciĝas nova periodo de nia movado. Ni devas elstreĉi ĉiujn fortojn por rikolti la fruktojn de nia laboro.

Oni tiel rapide progresas antaŭen ke oni forgesas zorgi pri estinteco. Ĝi baldaŭ jam, en venontaj jaroj, fariĝos por ni tre pala, prepara periodo, kiu cedos al la periodo pliglora kaj pli fruktoporta. Sed en la periodo pasinta ripozas la ĝermoj de niaj notlaj penadoj kaj laboro.

Malbone, maldankeme montriĝus al estonteco se perdiĝus la postsignoj de laboro, kies oferantoj donis al venontaj generacioj la plej noblan parton de siaj revoj. Ni devas ilin konservi, ne permesi ke ili pereu.

Tial, samideanoj, enarkivigu la dokumentojn de via laboro. Ordigu ilin kronologie, prizorgu la datojn, skribu komentariojn, kolektu la flugfoliojn, alvokojn, afiŝojn, fotografaĵojn. Metu ilin zorgeme en ian paperujon, aŭ donu bindigi. Skribu la memorlibrojn, forlasante ĉion, kio estas jam notita en protokollistoj de societoj, substrekante nur tion, kio povas trapasi, morti samtempe kun la aŭtoro. Zorgu, ke tiu ĉi materialo estu konservita. Transdonu ĝin al la urba arkivo, biblioteko aŭ al Esp. Societo *se ĝi estas bone organizita* kaj donas garantion zorgeme ŝirmi kaj konservi vian materialon.

Vi povas esti ankoraŭ longviva, sed tio ne malhelpas, ke vi jam nun devas havi ĉion, en ordo, por ke en la okazo de neatendita morto, la familio sciu kien tra-

nsdoni vian arkivon. Ne prokrastu! La materialo kreskas, kaj ju pli granda ĝi estos, despli malfacile ordigebla.

La aŭtoro de tiuj-ĉi vortoj instigis A. Grabowski, ke li skribu la memorlibron pri Majstro: Grabowski prokrastis kaj mortis subite... kunprenante la interesajn detalojn kun ŝi en la tombon.

Post morto de Brzostowski mi petis la vidvinon permesi ordigi la paperojn de ŝia edzo. La korespondado estis resendita al Biblioteko de Kierbedz (publika biblioteko) kie ĝi estas konservita. Sed bedaŭrinde la paperujo kun tre interesaj leteroj de la Majstro estis jam malplena, kiu ilin prenis? La membroj de la Societo de Literaturistoj kaj Ĵurnalistoj.

La paperojn de la Majstro kaj de Grabowski havas la familioj de la mortintoj, ili estos donacitaj al la estonta arkivo, kiu fondĝos en pli brila estonteco, al arkivo kiu posedos propran loĝejon kaj ŝtatan subtenon.

Sufiĉe da ekzemploj. Antaŭen en la estontecon sed kun ŝato pri estinteco!

*Dr. Antoni Czubryński.*

# KOMUNIKOJ.

## Pola Esperantista Societo.

*Centrejo* (Warszawa, Królewska 19, ofictagoj lundo kaj ĵaŭdo de 8 ĝis 10 h. v.). Laŭ decido de II Konferenco de P. E. S, okazinta dum la I Pollanda Kongreso en Warszawa (junio de k. j.), la estraro de Grupo Warszawa organizis *rondirantan bibliotekon* por uzo de provincaj grupoj de la Societo. La unuaj librotransportoj estas forsendataj al Poznań kaj Koluszki, La Centrejo akceptas pluajn petojn.

— Vicprezidanto de P. E. S., S-o Jan Kostecki, plenumante funkciojn de la Prezidanto, turnas sin al ĉiuj Grupoj de la Societo kun demando, ĉu ili opinius utila la

kunvokon de III Konferenco de la Societo *en fino de decembro aŭ komenco de januaro* por prid skuti la pluan agadon de P. E. S., ev. en kia urbo estus dezirinde ĝin kunvoki. Afablajn respondojn adresu al la Centrejo por la Prezidanto.

*Grupo Warszawa.* Laŭ decido de ĝenerala eksterordinara kunveno de la Grupo, okazinta en septembro, la membra kotizaĵo por dua duonjaro estas plialtigita ĝis 500 mk. monate. Krom tio, oni kreis kategorion de membroj subtenantoj, pagontaj 1000 mk. monate. La enskribpago estos de nun 1000 mk. Oni decidis plue krei specialan *Komisionon por Propaganda Kapitalo* kaj lasis la elekton de komisionanoj al la estraro.

*Grupo Poznań.* Lasta monata kunveno okazis la 7-an de oktobro 1922 en ĉambrego „Pod strzechą budowniczą". La novelektita estraro konsistas el jenaj personoj: Prez.: S-o Pastro Ceszyński, Vicpr.: S-o Klusak, Sekr.: S-o Kapela, Vicsekr.: Fino Weselska, Kas.: S-o Kalitzke, Vickas.: S-o Michalski.

Esperanta kurso por oficistoj komenciĝis en la urba lernejo (str. Garncarska) kun 35 partoprenantoj. Gvidanto estas Prof. L. Borkowski, eks-Prezidanto de la Grupo Poznań, Del. de U. E. A. Oni intencas arangi pluajn kursojn.

Kaŭze de la *dekjara datreveno* de fondo de Esperanto Societo en Poznań oni okazigos *grandan feston la 12 an de novembro 1922,* en salonego de la Zoologia Ĝardeno. Esperantistoj polaj kaj eksterlandaj estas kore invitataj. Aliĝojn kaj demandojn direktu al S-o Sekr. Tadeusz Kapela, Poznań, Zórawia 19.

En la Klubejo de pola Y. M. C. A. Warszawa, Okólnik 9. vigle propagandas nian aferon D-ro S. Karlsbad kaj S-o Józef Litauer.

La 11 de Oktobro S-o Litauer parolis pri Y. M. C. A., Esperantismo kaj I kongreso de Esperanto en Boulogne sur Mer.

La 16 de Oktobro pri juneco de Zamenhof kaj la kreado de Lingvo Internacia.

Ambaŭ foje ĉeestis ĉirkaŭ 150 junuloj. Baldaŭ okazos ankoraŭ du prelegoj de S-o Litauer pri Esperanto kaj patriotismo, kaj pri Esperanto kaj Ligo de Nacioj. Oni intencas fondi Esperantistan klubon de Pola Y M.CA. Ĉiuj personoj kiuj interesiĝas pri esperanta movado ĉe Y.M.CA. bonvolu komunikiĝi kun S-o Józef Litauer, Marszałkowska 81, Warszawa.

# KRONIKA ESPERANCKA.

Sprawę esperancką rozstrząsano w piątej komisji Ligi Narodów, pod przewodnictwem p. Fieldinga z Kanady. Główną rolę odgrywał lingwista prof. Gilbert Murray z Oxfordu, zarazem przedstawiciel południowej Afryki. Z wybitnych esperantystów brał udział Dr. Edmund Privat, przedstawiciel Persji.

Na posiedzeniu komisji we wtorek 12 września prof. Murray przedłożył wniosek: 1) by Sekretarjat nadal śledził postępy ruchu esp. i czynił sprawozdania z tej dziedziny, 2) by polecono przyjąć Esp. w stosunkach pocztowych i telegraficznych, jako język pomocniczy handlu i wiedzy, 3) by polecono rozszerzenie nauki Esp. w szkołach. Dr. Privat popierając wniosek prof. Murray'a doradzał, żeby Liga skupiła dążenia, przez postawienie wniosku zapewniającego wzajemność przynajmniej kilku państw *). Inne mogą się przyłączyć z chwilą, gdy poczują tego potrzebę. W przeciwnym razie trzebaby poszukać innej organizacji, któraby troszczyła się o to.

Na posiedzeniu komisji w środę 13 sierpnia po wystąpieniu przedstawiciela Brazylji, przeciwnego językom sztu-

*) Według zasady: my wprowadzimy nauczanie Esp. jeśli inni wprowadzą.

cznym, które nazwał językami nędzarzy i komunistów, senator Reynald przedłożył wniosek, by zagadnienie tyczące nauczania Esp. odesłano do komisji Współpracy Intelektualnej, celem zaopinjowania.

W głosowaniu jawnym wniosek ten przyjęto 18 głosami przeciw 8. Przed przyjęciem wniosku w dyskusji nad nim żądała duńska idystka panna Forschhammer, by komisja badała także zalety innych systemów. Wyraźnie za wnioskiem prof. Murray'a oświadczyli się delegaci: fiński, japoński, za wnioskiem Reynalda: polski, kubański; delegatka norweska i delegat szwedzki za jednym z języków żyjących, gorąco popierał Esperanto delegat duński. Inni pozostali niezdecydowani. Dr. Privat oświadczył, że cały świat, łącznie z esperantystami podda się zdaniu ekspertów, jeśli Liga wyznaczy Komisję do tego celu. Lecz o ileby odesłanie wniosku miało oznaczać, że Liga nie chce się tem zagadnieniem zajmować, to wywołałoby to zamieszanie. W tym wypadku wystarczyłoby, żeby Komisja poprostu przyjęła sprawozdanie z niezbędnemi poprawkami i pozwoliła różnym państwom samym porozumieć się w sprawie Esp., co mogłyby zwłaszcza dokonać kraje Dalekiego Wschodu.

Na posiedzeniu w czwartek 14 września przyjęto poprawki i wnioski do sprawozdania podsekretarza Ligi, a na wniosek Abramovicza z Serbji i Dr. Privata wybrano senatora Reynalda jako sprawozdawcę przed zebraniem ogólnem Ligi, które odbyło się w czwartek 21 sierpnia. Na zebraniu tem po streszczeniu wyników posiedzeń komisyjnych przez Reynalda jednogłośnie *głosowano za wnioskiem w sprawie przyjęcia sprawozdania o Esperancie jako języku pomocniczym, a 26 głosami przeciw 2 przyjęto część drugą, w sprawie odesłania wniosku do Komisji dla Spraw Intelektualnych.*

— Redakcio de Pola Esperantisto ricevis tian amason da leteroj kun gratuloj okaze de reviviĝo de nia revuo, ke ne eble estas respondi al ĉiuj aparte. Ni kore dankas al ĉiuj kaj promesas ke ili eble perfektigadi kaj pligrandigadi la enhavon de Pola Esperantisto.

*La Redakcio.*

---

**— Samideanoj polaj kaj eksterlandaj memoru pri esperanta movado en patrujo de Zamenhof!**

**Abonu nian gazeton!**

---

AVIZO. Pro manko da loko, la recenzo pri ricevitaj libroj kaj gazetoj aperos en decembra numero.

*Red.*

---



---

Abonprezo por 12 numeroj: 3,600 pol. mar., 1.20 dolaro, 3.60 guld. 6 sved. kr., 6 svis. fr., 6 dan aŭ norv. kr., 6 pesetoj, 3 ŝilingoj 9 frf., 12 lir., 24 fmk., 24 ĉ. kr., 600 gmk., 240 hung. kr., 24 000 aŭstr. kr., baltaj kaj balk. ŝtatoj 7 200 pmk. aliaj landoj 5 oraj fr.

---

Redaktoro kaj eldonanto: S T A N I S Ł A W K A R O L C Z Y K

---

Redakcio kaj administracio: Warszawa, str. Królewska 19.
Funkcias nur lunde kaj ĵaŭde de 8—10 h. vespere.

---

Presejo: Wacław Maślankiewicz. Warszawa, Nowogrodzka 17.